# INTERNACIA ĴURNALISTO




ORGANO DE TUTMONDA ESPERANTISTA
ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)

D-ro L. L.
Zamenhof
1859 — 1917



N-RO 3 (100) JARO 31. 1987

TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)

PREZIDANTO - Walter Haberl, Radio Wien, Esperanto-redakcio ORF, poŝtfako 700, A-1041 WIEN Aŭstrio

VICPREZIDANTO - Ivan Keremidĉiev-Esperov, kv. Borovo, bl. 219, lv. B, BG-1680 SOFIO, Bulgario

ĜENERALA SEKRETARIO - Donĉo Ĥitrov, str. Ĥan Asparuh 61 BG-1000 SOFIO, Bulgario, tel.: 88-30-82

SEKRETARIO-KASISTO POR OKCIDENTAJ LANDOJ - D-ro Dino Fabris, Borgo Bassano 5, CITADELLA (Padova), Italio

ESTRARANOJ -

Lech Kosieniak, ul. Piekna 16 b/9, PL-00-539 WARSZAVA, Pollando.

Joachim Schulze, Ringstrasse 71, DDR-7010 LEIPZIG, GDR

Vasilij Stanoviĉ, str. Samborska 78, kv. 34, 293720 DROGOBIC, Lvovskaja oblastj, Sovetunio (5614)

Stano Marĉek, Red. "Esperantisto Slovaka", Sobotské nám. 6, CS-058 01 POPRAD, Ĉeĥoslovakio

Evgeni Georgiev, str. Baĉo Kiro 35, II, BG-1202 SOFIO, Bulgario

Red. "INTERNACIA ĴURNALISTO"

Adreso: Ĉefredaktoro - Ivan Keremidĉiev-Esperov, 1680 SOFIO, kv. Borovo, bl. 219, vĥ. B, Bulgario, tel. 56-58-77

KOREKTIS: Jordanka Keremidĉieva

ENHAVO de n-ro 3-1987

Post la jubilea E-kongreso..1

Brave, N.Laanoja!,..........3

Gazeto "La Mondlingvisto"...5

Valoraj turismaj eldonaĵoj..8

Poezio......................9

Malbongusta plado el la arta kuirejo de ĉeĥaj poetoj kaj prozistoj...................11

Tra la amaskomunikilo .....14

Nepre rekomendinda libro por ĉiu esperantisto.......16

Ĵurnalista jubileanto.....III

El nia leterkesto.........IV

Sur la unua kovrilpaĝo: La iniciatinto de Esperanto d-ro Lazaro Ludoviko ZAMENHOF.

Karaj TEĴA- kaj ILEF-anoj! Por pli riĉenhava kaj interesa "INTERNACIA ĴURNALISTO" aktive kunlaboru per diversspecaj ĵurnalismaj materialoj. Ni atendas Viajn kontribuaĵojn. Antaŭdankon!

## POST LA JUBILEA E-KONGRESO AL NOVAJ SUKCESOJ!

### Fruktodona jarkunveno de TEĴA en Varsovio

Multajn Universalajn Kongresojn de UEA ni partoprenis - kaj grandajn kaj negrandajn, sed kongreson kiel la 72-an en Varsovio, Pollando, tiel amase vizitita, tiel bone organizita, unuvorte - tiel majesta, alifoje ne okazis. Pli ol ses mil kongresanoj el ĉiuj kontinentoj, dekoj da variaj programoj kun allogaj programeroj, neforgeseblaj renkontiĝoj kun amikoj el ĉiuj landoj de la terglobo, amuzoj kaj kunsidoj, kunvenoj kaj teatraĵoj, spektakloj ktp. Por ke ĉiuj 6000 vizitantoj havu la eblecon partopreni en la inaŭguro de l'kongreso en la sama grandega salono, oni ripetis la matenan inaŭguron kaj posttagmeze. En la grandega Palaco de scienco kaj kulturo, en ĝiaj multaj salonoj kaj ĉambroj havis eblecon partopreni siajn fakkunvenojn poŝtistoj, fervojistoj, instruistoj kaj aliaj. Krome oni partoprenis la balon, la dancojn, ekskursojn, aŭdis muzikon, ĥorkantojn kaj vizitis multajn aliajn programojn kaj programerojn.

Okazis en vasta salono "Hodler" ankaŭ la bone preparita kaj afiŝita jarkunveno de nia Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio - TEĴA. Ĝin ĉeestis dekoj da membroj de TEĴA, ĵurnalistoj, redaktoroj, korespondantoj de diversaj amaskomunikiloj. Ĉeestis ankaŭ ILEF-anoj. La ĵurnalistan jarkunvenon gvidis ĝia longjara vicprezidanto kaj ĉefredaktoro de la asocia presorgano "Internacia Ĵurnalisto" kolego Ivan Keremidĉiev-Esperov, sekretariis per konvenaj vortoj la ĝenerala sekretario de TEĴA kolego Donĉo Ĥitrov. Bedaŭrinde kiel aliafoje, forestis nia prezidanto Walter Haberl el Vieno. Inter la ĉeestantoj estis eksa multjara prezidanto Olav Thormodsen, la vicprezidanto Tadros Megalli k.a.

La vicprezidanto Esperov malfermis la jarkunvenon per konvenaj salutoj kaj paroloj pri la grandsignifa rolo de la ĵurnalismo kaj speciale de la esperantistoj-ĵurnalistoj por la sukcesoj kaj daŭra progreso de nia Esperanto-movado en

ĉiuj landoj. Li raportis pri la stato kaj aktivado de TEĴA kaj de la ĵurnalistoj, kiuj redaktas E-amaskomunikilojn kaj speciale la organojn de la E-asocioj. En pluraj landoj estas konstantaj radio-elsendoj. Plej bone estas organizitaj la bulgaraj E-ĵurnalistoj en siaj sofia kaj landaj sekcioj. Ili aktivas kaj zorgas ankaŭ pri la eldonado kaj redaktado de "Internacia Ĵurnalisto". Redaktoro Esperov montris ankaŭ diversajn mankojn de TEĴA: ne ĉiuj alilandaj kolegoj aliĝis al TEĴA, iuj ne pagas siajn membrokotizon aŭ abonkotizon, ne kunlaboras regule al "IĴ"k.a.

Post la raporto de la vicprezidanto multaj kolegoj faris eldirojn. Krom la laŭdaj vortoj, kelkaj kolegoj montris la malfortecon de TEĴA kaj mankojn de la organo kaj ĝia redaktado, ke ĝi ne estas alloga laŭformo, laŭenhavo, ke ne estas interesa. La ĝenerala sekretario de TEJA parolis pri aliaj agoj de la estraro. Konklude Esperov dankis pri la kritikaj vortoj kaj rekomendoj por plifortigo de nia TEĴA kaj plibonigo de "Internacia Ĵurnalisto". Sed li ne konsentis kun iuj parolintoj, kiuj nur kritikas, sed ne aliĝas al TEJA, kelkaj eĉ ne sendas siajn organojn kaj eldonaĵojn interŝanĝe al la redakcio. Li menciis, ke nia prezidanto same ne aktivas. Kolego Esperov rakontis pri la renkontataj malfacilaĵoj, sed spite al ili kaj al la neinteresiĝo de iuj kolegoj, nia TEĴA aktivas kaj ĝia organo - jam 30-jara jubileulo - regule aperas kun interesaj materialoj kaj artikoloj, kiel tiuj de kolegoj Bernard Golden, N.F.Danovskij, redakcianaj k.a.

Poste oni pridiskutis la projekto-liston kun la proponita nova estraro de TEĴA. Iuj proponitaj kolegoj ne rezignis esti membroj de la estraro. Estis elektitaj jenaj kolegoj: Walter Haberl, kiel prezidanton, ĝenerala sekretario - Denĉo Mitrov el Sofio kaj sekretario-kasisto por okcidentaj landoj kolego d-ro Dino Fabris - longjara sekretario el Italio. Estis elektitaj kiel estraranoj ankaŭ: Lech Kosieniak, Pollando; Joachim Schultze, GDR; Stano Marĉek, Slovakio, ĉefredaktoro de "Esperantisto Slovaka"; Vasilij Stanoviĉ, Sovetunio; Evge-

ni Georgiev, Bulgario. Iuj el la estraranoj formas ankaŭ la redaktan kolegion de "Internacia Ĵurnalisto".

Pro la grandaj kontribuoj al nia asocio kaj al "Internacia Ĵurnalisto" kun aplaŭdoj la ĉeestantoj akceptis unuanime la estraran proponon, ke la multjaraj prezidanto Olav Thormondsen el Norvegio, la vicprezidantoj Nikolaj F.Danovskij el Latvio - USSR kaj Tadros Megalli el FRG estonte ili estu honoraj membroj de nia Asocio pro iliaj estimataj agoj. Ili ne estis elektitaj kiel membroj de la estraro.

Per tiu nomado la jarkunveno finis sian laboron. Ĝin fermis per konvenaj paroloj kaj rekomendoj por plej aktiva laboro por la progreso de nia ĵurnalista asocio kaj de nia presorgano kolego Ivan Esperov.

Nun nin atendas obstina laboro por decida plibonigo de nia agado.

I.K.

---

BRAVE, N.LAANOJA!

Kiel agrable estas por la koro de l'seminto ekvidi ĝermojn kaj blastojn sur novala grundo, kien falis semoj!

Ĉio, kion skribis N.Laanoja en sia fajre aktuala artikolo: "Verkataj...eldonataj...disaĉetataj..." estas pli ol ĝusta, ĝi estas super ajna kritiko. Ĝi estas eminenta!

Kaj la ideo, kiun li aludis en sia reeha pensofluo en nea formo, sendube de ĉiu homo, posedanta imagipovon, estos perceptita en la plej jesa formo, kiel proklama alvoko. Ĝi devas flamigi ĉiun senescepte ĉampionon de la lingvo internacia, kiel en Oriento, tiel ankaŭ en Okcidento. Temas pri ties priplorinda konstato: "Dume mankas en Eŭropo literatura revuo..."Tiu aludo devas brogi per sia nude sombra arda netolereblo ĉiun leganton kaj eĉ ĉiun legipovan serĉanton de E-literaturo, kaj precipe tiujn, kiuj jam propravole supergrimpis la nivelon de baza lingvoscio.

En la ideo de N.Laanoja, esprimita en formo de nea

aserto, nestas tia forto, tia torĉa lumo tra obskuro, pri kiu devas ekmiri kaj ekravi ĉiu prudenta pensanto, ĉiu komprenanto pri valoro de la nova pensmaniero, ĉiu sibpremito per superpendanta apokalipsa nuklea armagedono. Ĉar la sola forto,kiun oni esperige povas kontraŭstarigi, estas nome vastpopola interkomprenigo, amikiĝa kunstrebo kaj kunago, celantaj forigi atom-danĝeron, antaŭ ĉio en Eŭropo.

Tio instigas nin antaŭ ĉio adresi sin al la prezidanto de EVA samideano Tibor Sekel kun demando: "Ĉu ne estus bone kaj ĝustatempe al E-literaturoj iniciati literaturan revuon kun perspektiva nomo "EŬROPO"?

Ja forpaso de ĉiuj eŭropaj E-beletraj revuoj estas fenomeno nenormala, kripla, krianta per sia absurdeco. Ĝi devas pensigi ĉiujn! Kaj apero de E-magazino "Eŭropo" iĝos heroldo kaj standardo, samtempe alvokantaj por reunuiĝo de popolaj fortoj en la Malnova Kontinento, kiu estas lulilo, nesto, kaj fonto de moderna kulturo.

Do, estu esperantistoj-ĵurnalistoj kaj verkistoj pioniroj de la nobla iniciato!

Sed, certe, krom belaj revoj kaj elokventaj diroj ne ĉesas ankaŭ pripensi materian flankon de tiu realigo: abonantoj, financoj, papero, redaktoroj, eldonejo, presejo...

Jen BEA (Bulgario) sukcesis eldoni beletran almanakon, jen aperas en Italio "Literatura Foiro", jen Gresillon eldonas "Kulturajn kajerojn". Sed estus tute trafe laŭ tempo kaj etoso kaj la rolo, kiun okupas BEA en hodiaŭa E-movado, ke ĝuste ĝi avangardu ankaŭ en fundamentigo de materia abutmento por "Eŭropo". Sed ne ĝi sole devas preni sur siajn ŝultrojn plene la taskon. Ĝi devas nur okupi sian merititan avangardan pozicion kun partopreno de Tibor Sekelj kiel plej koncerna persono en la skemo.

Sed vere levi tiun pezan ŝtonon devas unuigitaj fortoj de ĉiuj eŭropaj E-unuiĝoj, nome: AEF-ASE-BEA-BEA-BEF-ĈEA-DEL-EAF-EAI-EGM-FED-FIE-GDREA-GEA-HEA ktp. de unu flanko. Kaj de la

alia - alianco de E-kulturejoj: Grèsillon - La Chaux de Fonds-Pisanica.

Sen iu ajn dubo tiu unuigita forto venkos ajnajn barojn kaj obstaklojn. Do, al konkordo laŭ Helsinki-vojo! Ĉu tiu kunaganta elemento ne sufiĉus por solvi la problemon!? Tio estus bela monumento por 100-jara jubileo de Esperanto!

N.DANOVSKIJ

---

Canko Murgin

GAZETO "LA MONDLINGVISTO"

(Daŭrigo de n-roj 1 kaj 2 de "IĴ")

La dua presita materialo, en n-ro 2 de "La Mondlingvisto", okupas la paĝojn 57-63, kie sub titolo "Plena Gramatiko de la Lingvo Internacia" el la Unua libro (julio 1887) estas tradukita en bulgaran lingvon la gramatiko de Esperanto. En la lasta paĝo (64) de tiu numero M.Bogdanov dankas pro la senditaj al li abonkotizoj, eksplikas ke la reklamitaj de li presaĵoj (gazeto kaj lernolibro) malfruis pro la prokrastita livero de la speciale menditaj litertipoj Esperantaj (ses, kun supersignoj) kaj bulgaraj (ses, por fonetika skribado). Promesante esti en la estonteco pli akurata M. Bogdanov denove esprimas sian esperon, ke la publiko helpos al li kaj morale kaj materie (per varbado de abonantoj).

La lasta numeto (tria) de "La Mondlingvisto" aperis en januaro 1890 kaj havas 32 paĝojn (65-96), Ĝi ampleksas la malgrandan Esperanta-bulgaran vortareton. En la unua paĝo (65) estas presita la titolo "Esperanta-bulgara vortaro" (en bulgara lingvo) kaj sub ĝi subtitole en Esperanto "Vortaro por bulgaroj". Sur la dua duono de sama paĝo estas presita, en bulgarlingva traduko, la instrukcio kiel la bulgaroj uzu la vortare-

ton. La sekvaj du paĝoj (66-67) estas dediĉitaj al la "Antaŭparol-o al la vort-ar-o de la lingvo 'Esperanto", presita nur en Esperanto. Kompare kun la originalo en la presita teksto estas faritaj du malgravaj ŝanĝoj kaj du nekripligaj mallongigoj. De paĝo 68 ĝis la paĝo 95 estas lokita la vortareto mem. Ĉia radik-provizo estas la sama kun tiu en la Unua Libro (julio 1887). Estas ellasita nur unu Esperanto-radiko.

En la lasta paĝo (96) de "La Mondlingvisto", (n-ro 3, januaro 1890) M.Bogdanov invitas la membrojn de "Esperantista Klubo" en Sofio (kiu, laŭ mia kalkulo, havis en decembro 1889 precize 111 aliĝintoj el la tuta lando, pagintaj sian abonkotizon) - k.m.: C.M.)abonigi gazeton "La Mondlingvisto" al novevarbitaj adeptoj. M. Bogdanov fine avertas, ke se oni ne sukcesos varbi almenaŭ 1000 (mil) abonantojn la gazeto ĉesos aperi. Tiuokaze la antaŭpagintoj anstataŭe ricevados gazeton "La Esperantisto", internacia organo de la esperantistaro, aperanta en Nurnbergo (Germanio), sed redaktata de D-ro L.L.Zamenhof.

La necesajn mil abonantojn[14] oni ne sukcesis varbi. Tio estis tasko nereala, ĉar tiutempe eĉ "La Esperantisto",kun tutmonda varbokampo, dum sia unua jarkolekto (1889-1890) havis nur 113 abonantojn el la tuta mondo (tri el ili estis bulgaroj: M.Bogdanov, Ĥristo Popov kaj Georgi Oreŝkov)[15].

Post sia n-ro 3 "La Mondlingvisto" ĉesis aperi. Sed ĝi plenumis pozitivan rolon en Bulgario kaj parte en eksterlando, instigante al lernado de Esperanto kaj vastigante la internaciajn solidarecon kaj kunlaboron inter la bulgara kaj eksterlanda Esperanto-movadoj.

N O T O J

1. Ĥitrov, Panajot: Esperanto kaj unu Vivo Esperantista, bulgarlingva, (rememoroj), presejo "Pentristo", Sofio, 1939, p. 13, 15.
2. Drezen, Ernest: Analiza Historio de Esperanto-movado, "Ekrelo", Leipzig, 1931, p. 8.

3. Opis na balgarskite periodični izdanija v Narodnata biblioteka v Sofija 1844-1900 (Katalogo de la bulgara gazetaro en la Nacia Biblioteko en Sofio 1844-1900), Sofio, 1903, p. 40
4. Ĝiuglea, Ion: II-a Bulgara Esperantista Kongreso en Ŝumeno, 26, 27, 28 de julio 1908, p. 109-112. Rumana Esperantisto, I, 5, januaro-marto 1909, p. 110.
5. Tarnow, Paul: Gazetaro, p. 168-184, Enciklopedio de Esperanto, Eldonejo "Literatura Mondo", Budapeŝto, 1933, p. 168.
6. Takács, József: Katalogo de la Esperanto-Gazetaro, kompilis kaj komentariis J. Takács; reviziis kaj kompletigis P. Tarnow 1934.
7. Murgin, Canko: La Mondlingvisto 1889-1890, (restaŭrita aŭ preskaŭ retrovita), p. 12, Paco, Oficiala organo de Mondpaca Esperantista Movado (MEM), Sofio, jarkolekto XXVI, n-ro 3, majo-junio 1979.
8. a) Noto 5, p. 168; b) Noto 7, p. 12
9. a) Bogdanov, M.S.: "La Mondlingvisto", I, 1, decembro 1889, Apudpalaca Presejo "B. Simaček", Sofio, p. 2-3.
b) Bogdanov, M.S.: Plena Lernolibro por mondlingvo de D-ro Esperanto, Apudpalaca Presejo ("B. Ŝimaček"), Sofio, 1890, p. 2-3.
c) Murgin, Canko: Gazeto "La Mondlingvisto", p. 13-14, Bulgara Esperantisto, XLIII, 1, januaro 1980, Sofio.
ĉ) Murgin, Canko: Gazeto "La Mondlingvisto", Bulgario, II, 2, februaro 1965, en samtitola kaj samnumera suplemento al tiu gazeto (Bulgario), p. I.
10. Notoj 9-a kaj 9-b, p. 54.
11. Murgin, Canko: Historio de Bulgara Esperanto-Movado, kajero unua (1885-1890), Kokemäki, Finnlando, 1964, p. 11.
12. Bogdanov, M.S.: (Letero), Sofio, 11/23 (de) decembro 1889,
a) La Mondlingvisto, I, 2, decembro 1889, Sofio, p. 55-56;
b) Plena Lernolibro por la Mondlingvo de D-ro Esperanto, Apudpalaca Presejo ("B. Simaček"), p. 55-56.
c) Murgin, Canko: Gazeto "La Mondlingvisto", p. 13-14, Bulgara Esperantisto, XLIII, 1, januaro 1980, Sofio.

ĉ) Murgin, Canko: Gazeto "La Mondlingvisto", p. I, Bulgario, II, 2, februaro 1965, Sofio, en suplemento al tiu numero.

13. Noto 5, p. 168.

14. Bogdanov, M.S.: (Invito al organizitaj esperantistoj en Bulgario),

a) La Mondlingvisto, I,3, januaro 1890, Apudpalaca Presejo "B.Simaĉek", Sofio, p. 96.

b) Plena Lernolibro por la mondlingvo de D-ro Esperanto, Presejo ("B. Simaĉek"), Sofio, p. 96.

c) Notoj 12-c, p. 13-14.

ĉ) Noto 12-ĉ, en suplemento, p. I

15. Zamenhof, L.L. (red.): La Esperantisto, I. 12. decembro 1890, Nurbergo (Germanio), Listo en la fino de tiu n-ro.

---

## VALORAJ TURISMAJ ELDONAĴOJ EN POLLANDO.

"ORBIS" estas la plej malnova vojaĝagentejo-oficejo en Pollando, priservanta turistojn kaj vojaĝantojn. Okaze de la Jubilea 72-a Universala Kongreso de Esperanto, okazinta en la pola ĉefurbo Varsovio, ĉi-jare oficejo "Orbis" eldonis ses specialajn belege kolorilustritajn 24-paĝajn grandformatajn kajerojn-prospektojn, ĉiu aparte destinita pri aparta landregiono de Pollando. La unua kajero - pri Nordokcidenta regiono, la dua - pri Nordorienta, la tria - pri Mezorienta, la kvara - same pri Mezorienta, la kvina - pri Sudokcidenta kaj la sesa - pri Sudorienta. La prospektoj estas nomitaj "Orbis Invitas" kaj sur iliaj lastaj 24-aj paĝoj estas detalaj mapoj pri la koncerna regiono.

Krome sur ĉiu paĝo estas po 2-3 belaspektaj koloraj bildoj, fotoj pri la plej interesaj kaj karakterizaj lokoj, domoj, montoj, valoj, riveroj, panoramoj, popolkutimoj k.a. kun klarignotoj pri la regiono kaj pri ĉiu bildo.

# POEZIO

DU NOBLAJ IDEOJ REALIĜAS

Al la kreinto de Internacia Ruĝa Kruco
- la sviso Amri Djunan (1863) kaj al
la iniciatinto de internacia lingvo Esperanto - pola D-ro Ludoviko L. Zamenhof (1887).

Etendi la manojn por helpi l'aliajn,
ĉar plagoj kaptadas viktimojn multegajn,
ĉar ie pereas senkulpaj viktimoj
de grandaj inundoj kaj fortaj fajregoj,
alie forpasas senkulpa kvantego
da homoj malsanaj de epidemioj.
Ĉu povus ni helpi dum monda sufero
trans limoj da ŝtatoj kaj leĝoj severaj?
Ĉu povus disĵeti klerecon por sano?
- Jes, diris la kolos' ideo Djunana -
se ĉie ekzistus ruĝ' kruc' organizo...

Cent jarojn kvarono ruĝ' kruco ekzistas
kun sia tre nobla ideo humana
kaj semas klerecon kaj helpon en mondo.

Sur Tero samspecaj ni estas, la homoj,
diversaj nin faras precipe la lingvoj -
sur Tero ekzistas nun miloj da miloj...
Ĉu povus senpere ni nun kompreniĝi
kaj ŝanĝi atingojn sciencajn kaj artajn
kaj senti egalaj, proksimaj nin, fratajn?
-Jes, diris la kolos' projekt' Zamenhofa -

se ĉiu eklernu la lingvon komunan
post sia patria - lingv' internacia...

Cent jarojn ekzistas jam lingv' Esperanto
kaj pruvis ke estas helpilo belega.
Se ĝi disvastiĝus profunde en mondo,
homaro atingos utilon grandegan
por sia disvolvo, klereco kaj paco.

Maria ANGELOVA

KION NI DONACU AL INFANOJ

Por infanoj - ĉion la plej bonan!
Ni donacu al infanoj
la hundeton vivan,
sunon, kiu brilas,
rekte el la forno -
torteton-steleton, -
la migdalajn radietojn
manĝu ili krake...

Por infanoj -
ĉion la plej bonan:

rajton esti la infanoj,
varmon de l'patrujo
kaj plej bonan en la mondo
la gepatran lingvon...
Por infanoj ni donacu

MONDON SEN MILITOJ!

(El la poemaro "RUĜA VOĈO", Kievo, 1984)

El la ukraina lingvo esperantigis: N.ANDRIANOVA

# libera tribuno

## MALBONGUSTA PLADO EL LA ARTA KUIREJO DE ĈEĤAJ POETOJ KAJ PROZISTOJ

Lastatempe trafis en miajn manojn broŝuro titolita En la koro de Eŭropo; ĝia subtitolo estas Esperanto en arta kuirejo de ĉeĥaj poetoj kaj prozistoj. Aranĝis kaj prikomentis la enhavon Josef Rumler, kaj eldonis ĝin Ĉeha Esperanto-Asocio en Prago en 1983. La 32-paĝa libreto konsistas el beletraĵoj originale verkitaj en Esperanto kaj elĉeĥigitaj tradukaĵoj de verkoj de la tempo de Komenio (17-a jc.) ĝis la nuno. Troviĝas kaj prozo kaj poezio en tiu ĉi antologieto, sed ĝia celo ne estas ekskluzive la prezentado de neologismoj en Esperanto, kaj sur la lasta paĝo estas glosoj kaj provoj pravigi la uzon de la novaj vortoj. Ŝajnas iom stranga tiu insisto pri ŝveligo de la Esperanta vortprovizo fare de homoj, kiuj ankoraŭ ne primajstris la bazan lingvon - nek gramatike, nek semantike, nek stile! Lingvaj misaĵoj svarmas sur ĉiu paĝo: konfuzo pri la transitiveco de verboj; pekoj kontraŭ la akuzativo; neuzo kaj trouzo de la difina artikolo; lama fraz-konstruado jen sen subjekto, jen sen verbo, jen sen "ĉu"; formulado de subpropozicioj komenciĝantaj per "ĉar" sen ĉefpropozicio, k.s. Kelkloke oni havas la impreson, ke la teksto estis verkita en speco de piĝin-Esperanto fare de la tiel nomataj "majstroj de la vorto". Saltas al la okuloj ankaŭ semantikaj malĝustaĵoj kiel la tipe ĉeĥa misuzo de "frunto" anstataŭ "fronto", la ofta uzo de "je" anstataŭ pli preciza prepozicio, kaj la nekomprenebla uzo de "nur", plej probable ankoraŭ unu ĉeĥismo.

Ankaŭ stilaj bizaraĵoj karakterizas tekstojn verkitajn de aŭtoroj, kiuj nomas sin "artistoj de la vorto". Pro man-

ko de loko mi ne povas tie ĉi citi kelkajn el la plej harstarigaj plurliniaj ekzemploj, kiuj postulas du-trifojan legadon por eliri el la vorta labirinto. Nenie en la broŝuro estas menciite, ke esperantisto, kiu ne estas parolanto de slava lingvo, kontrolis la manuskripton antaŭ publikigo. Eĉ pli naŭza estas la pluraj rozarioj da ŝvelvortaj esprimoj kaj frazoj, redunde+) kaj bombaste ripetiĝantaj, por torporigi la menson de legantoj.

Plurloke la ĉeĥa "verkista avangardo" supertaksas siajn proprajn kontribuaĵojn al la Esperanta beletro. Kaj kiun valoron havas la nostalgia fanfaronado pri eventoj okazintaj antaŭ jardekoj en Ĉeĥoslovakio? Kiun efikon aŭ influon havas la Verda Stacio en la nuntempo? Absolute neniun! Ĝi estis nura efemeraĵo, malaperinta por ĉiam, ĉar hodiaŭ tute ne eblas aŭskulti ĝiajn programojn. La grava demando, kiun la broŝuro ne faris, kaj kiun la avangardistoj ne respondos, eĉ se ili scias la respondon, estas kial ne ekzistas iu verda stacio en Ĉeĥoslovakio hodiaŭ?

La plej riproĉenda parto de la koncerna libreto estas ĝia sinteno pri neologismoj en Esperanto. Estas evidente, ke tiu publikigaĵo servas kiel apologio de la piĉisma+) skolo, kies celo estas inundi Esperanton per amaso da novaj vortoj. Unuflanke, oni postulas la alprenon de dekmiloj da internaciaj vortoj, sed aliflanke, oni ne formulas klarajn filologiajn kaj esperantologiajn principojn por starigi kriteriojn de internacieco. Cetere, estas neniu diskuto pri la elekto de fontlingvoj de neologismoj, kvazaŭ estus eble tute hazarde "butikumi" de unu lingvo al alia laŭ la bontrovo de aŭtoroj. Oni postulas ankaŭ perfektan lingvon konforme al la nocio de Komenio; tio signifas, ke ĉiu vorto havu nur unu signifon kaj ĉiu koncepto havu apartan vorton. Tamen, mankas pritrakto de la demando pri polisemio, kaj kelkaj el la proponitaj neologismoj estas plursencaj. La glosoj difinas la neologismojn, kelkfoje donas la etimologion kaj fonton, sed ne rigore limigas la semantikan terenon de vortoj.

Konklude kaj resume, la ĉeĥaj poetoj kaj prozistoj en

sia arta kuirejo devas unue lerni boligi akvon antaŭ ol provi surtabligi festan manĝon.

Glosoj:

redunda - (se paroli pri lingvouzo) - superflua, ekscesa, pleonasma, balasta, karakterizita per simileco aŭ ripetado.

piĉismo - nova lingvoreforma tendenco en Esperanto, kies titolo venas de la nomo de Karolo Piĉ, esperantista poeto el Ĉeĥoslovakio. Li kaj aliaj membroj de la Praga Arliteratura Skolo celas enkonduki amason da neologismoj en Esperanto.

BERNARD GOLDEN

---

ĴURNALISMAJ INICIATOJ

La 18-an de marto j.k., en la klubejo de Sofia E-Domo pri Kulturo "Maksim Gorkij" okazis renkontiĝo de sofiaj esperantistoj kun la ĉefredaktoro de la bulgarlingva revuo "Paraleli" - ĵurnalisto-esperantisto kaj poeto Venelin Mitev. La revuo aperas en 300 mil ekzempleroj. En tiu revuo aperas priesperantistaj artikoloj kaj informoj. La renkontiĝo estis gvidita de niaj kolegoj H.Levi kaj V.Baleva - redaktorino de revuo "Paco" de MEM.

La 22-an de aprilo j.k. okazis en la sama salono ankaŭ vespero "Gaste al gazeto "Paco" de MEM". La ĉeestantoj renkontiĝis kun la ĉefredaktoro Violin Oljanov, akademiano de Esperanto, kun B. Baleva - redaktoro kaj K.Draĵev - artaranĝanto de "Paco". Oni parolis pri la strebado de la homoj al la paco kaj pri la kontribuo de "Paco" al la batalo de la pacamantoj en la mondo.

# TRA LA AMASKOMUNIKILOJ

Ni eltiras el "La Brita Esperantisto" (n-ro 878, 1987) la citaĵojn: "... Ja ekzistas Esperanta kulturo, internacia kulturo, kiu ekestis tuj kiam homoj el malsamaj landoj ekkonatiĝis unu al la alia per Esperanto...", "...Ni scias, ke Esperanto sukcesas kaj pli sukcesos..." Menciante, ke la traktado de Esperanto en la ĵurnaloj estas mezuro de ĝia sukceso la aŭtoro de la citaĵoj Manjo Aŭstin sub la ĉefartikolo "Jubilea Esperanta kongreso" skribas ankaŭ, ke ni ne reagu al la kalúmnioj, ni ignoru la stultajn aferojn pri la Internacia Lingvo. "...Ni reagu nur por korekti malĝustajn faktojn, statistikojn. Ni ne agu kolere, dankeme, petegeme. Ni fidas nian aferon..." ktp. Ni subtenu la proponojn de la aŭtorino Aŭstin.

Sed en la sama n-ro de "Br. Esperantisto" estas legindaj ankaŭ la artikoloj de Sandra Slade "Homaranismo kaj la Esperanto movado" (paĝoj 295-296). "Ĉu oni povas amindumi aŭ amori per Esperanto? - la kamo Thatcher" de Bernard Golden (p 297-298) kaj la artikolo de M.Delcourt kaj J.Amouroux -represita el "Revue Francaise d' Esperanto".

La Centra organo de la interesega "Budapeŝta Informilo" en la 6-a n-ro j.k. inter aliaj artikoloj kaj informoj aperigis la artikolon "Plurlingveco kaj komunikado" de Vitalij Veribin (Moskvo). Traktante tiun problemon la aŭtoro defendas la utilon de Esperanto tiurilate. Li skribas, ke kiam en novembro 1985 en Parizo okazis seminario de funkciuloj de UEA kaj Unesko sub titolo "Plurlingveco kaj komunikado" partoprenis ĝin neniu el la socialismaj landoj. El socialismaj landoj kaj esperantistoj kaj lingvistoj devus partopreni similajn internaciajn seminariojn-rekomendas la aŭtoro. Li citas la fakulon pri tiuj problemoj de la lingva politiko - Masmudi (Tunizio): "La angleparolantoj estas tre kontentaj pro la daŭra kresko de la disvastigo de sia lingvo...". "La franceparolantoj,kontraŭe, es-

tas malkontentaj pro la monda disvastiĝo de la angla lingvo...". "Fervoras pri konservado de ŝiaj lingvoj la rusa kaj aliaj slavaj popoloj, germanoj, japanoj, ĉinoj... Ŝiavice, ankaŭ la araboj..." Kaj dum tiu konferenco oni parolis nur angle kaj france.

En "La Espero" de Sveda E-Asocio (n-ro 1/1987) la simpatie ridetanta en ĉiu n-ro prezidantino Karin Lindquist skribas pri la multlingveco ĉe Unuiĝintaj Nacioj, kio kondukas al grandegaj elspezoj por papero, tajpado, tradukado, presado de diversaj dokumentoj kaj bultenoj engaĝantaj centojn da dungitaj oficistoj, maŝinoj. Oni rekomendas al ONU pripensi ŝparplanon kaj enkonduki Esperanton kiel laborlingvon, anstataŭ la multaj naciaj lingvoj.

Do, aplikante nepre Esperanton kaj la scienc-teknikajn rimedojn en paca mondo ne nur ONU gajnos, sed ankaŭ la homaro havos eblecon ekvivi en konvena scienca, kultura kaj ekonomia progreso.

"Esperanto-jarcento dua!" Sub tiu titolo la akademiano prof. d-ro Ŝtojan Ĝuĝev, membro de CE de BEA, skribas entuziasme pri la glora 100-jara jubileo de Esperanto en n-ro 7/1987 de "Bulgara Esperantisto" tiel: "La ideo pri internacia silidareco, pri paco kaj amikeco inter la popoloj, pri la lojala, sincera kaj honesta kunlaborado sur la bazo de egelrajteco kaj reciproka estimo inter ĉiuj - grandaj kaj malgrandaj, malriĉaj kaj riĉaj, fortaj kaj malfortaj popoloj, estas enmetita en nia lingvo mem". Post longa frazo li daŭrigas: "...En nia nuntempo, graveda per serioza danĝero pri neniigo de la homaro kaj de la multjara civilizacio sur nia planedo, la ideo pri internacia neŭtrala planlingvo kiel rimedo por unuigo kaj amikigo de la popoloj ne estas plu naiva utopio, sed plej aktuala, necesega bezono, forta armilo en la manoj de la esperantistoj - pacbatalantoj."

Legante tiujn liniojn de prof. Ĝuĝev mi ekmemoris pri liaj fervoraj, pacamaj kaj kontraŭfaŝismaj artikoloj, kiujn li skribis dum la faŝismo kaj la Dua mondmilito en "Bulgara Esperantisto", kies redaktoro li estis kaj mi -

lia helpanto-redaktoro, ne danta al la cenzuro la revuon. Ĉuĝev finas sian artikolon per la ŝlogana bondeziro:

"Do, karaj amikoj de Esperanto, bonan vojon en la dua jarcento!" Ni ĉiuj aprobas tiun ĉi bondeziron!

IVAN ESPEROV

RECENZOJ

NEPRE REKOMENDINDA POR ĈIU ESPERANTISTO LIBRO

Kun granda intereso mi atente tralegis (pli ĝuste - trastudis) la valoregan, tre bone kompilitan kaj verkitan libron "ESPERANTO 100-JARA, 1887-1987," eldonita (bulgarlingve) fare de BEA en Sofio - (234 p.), al la glora jubileo de la Lingvo Internacia, la genia kreitaĵo de doktoro L.L.Zamenhof.

La aŭtoro de ĉi libro, la meritoplena E-veterano Nikola Aleksiev, ne bezonas iun ajn rekomendon. Lia nomo estas bone konata al ĉiu E-aktivulo, precipe por ĉiuj MEM-anoj en la mondo. La libro konsistas el 11 fundamentaj ĉapitroj, bibliografio kaj konciza aŭtora E-resumo, el kiuj ĉiu leganto povas eksciii multajn saĝe kaj tre argumentite esprimitajn utilajn faktojn pri evoluo de Esperanto ekde ĝia naskiĝo. Aparte rekomendinda kaj precipe utila ĉi-tiu libro estos por ĉiu homo, juna kaj matura, en kiu nur ekĝermis intereso al Lingvo Internacia.

Memkompreneble, ke la bulgara aŭtoro pleje konsideras la evoluon de la E-movado en sia naskolando kaj faras tion tre skrupule kaj scipove. Tamen estas dezirinde dum la reeldono de ĉi valora libro kaj nepre en sufiĉe granda eldonkvanto - por tuta diversnacia kaj diverslanda esperantistaro - plivastigi ĝiajn kadrojn per pli detala priskribo de la historio de Esperanto-movado ankaŭ en aliaj (almenaŭ nur eŭropaj) landoj.

Tiamaniere la signifo kaj valoro de la libro multoble kreskus kaj ĝi fariĝus vere neanstataŭebla helpilo kaj propagandilo por ĉiu konscia, avangarda esperantisto en multaj landoj.

NADIJA ANDRIANOVA, Kievo, USSR



ĴURNALISTA JUBILEULO

(William Gilbert 75-jaraĝa)

En la esperantistaj medioj estas konata la plumo de William Gilbert, Franca ĵurnalisto kaj esperantologo. Li publikigis en la franca kaj en Esperanto grandan nombron da artikoloj ligitaj kun liaj du fundamentaj preferoj: la pacbatalo kaj la planlingvaj problemoj. Krome, li partoprenis per artikoloj en kelkaj broŝuroj, eldonitaj de Mondpaca esperantista movado (MEM). Lia esperantologia verko "Planlingvaj problemoj" aperis en du eldonoj. Lasta lia esperantologia publikaĵo estas la broŝuro pri "Landnomoj en Esperanto", kiu temo estis diskutata inter esperantistoj dum jardekoj.

Gilbert estis ĉefredaktoro de la konataj esperanto-revuo "Paco" - organo de MEM kaj "La laborista esperantisto", organo de Laborista Esperanto-federacio" en Francio.

Preskaŭ dum dudek jaroj Gilbert estis adepto de la artefarita internacia lingvo "Occidental", bone konis ankaŭ kelkajn aliajn tipojn de artefaritaj lingvoj. Li defendis la poziciojn de "Occidental", en ties organo "Cosmoglotta". Sed ekkoninte pli profunde la novajn pretendentojn pri internaciaj lingvoj el la tiel nomata "naturalisma skolo", al kiu apartenis li mem, Gilbert venis firme al la konkludo, ke ili ne taŭgas. Li revenis al Esperanto kaj preskaŭ kvar jardekojn defendas ties strukturon kaj lingvajn kvalitojn kompare kun la konkurantaj projektoj. En la sfero de ĵurnalisma pacagado nia jubileulo okupas tre elstaran lokon en Esperanto. Ni bondeziras al li novajn sukcesojn!

La redakcio de "IĴ"

el nia leterkesto

NOVALIĜINTAJ MEMBROJ DE TEĴA

Nia sekretario pri Okcidentaj landoj Dino Fabris sendis al la redakcio nomaron de novaj ĵurnalistoj, kiuj petis aliĝon al nia Asocio:

1. Geodffrey D. HAMMERTON - 8 Bonsall Drive, MICKLEOVER, Derby, DE3 5HQ, Anglujo.
2. Mukenge KALAMBAY - B.P.716 KISANGANI, Zairio.
3. Fabio VIVODA - Via Roma 45, 34074 MONFALCONE, Italio.
4. Jorge VELASQUEZ G. - Calle 54 NO 56-12 MEDELLIN, Colombia.
5. Ramin EKHTIARI - 33 plate - Adib Lane, Toorkmahaleh, GHAEMSHABR, Iran
6. John T.DALE Jr. - 704 Sligo Greek Parkway, TAKOMA PARK, Maryland, USA.
7. Kikusima KAZUKO-KRIZANTEMO - Tôkyô-to, Sinzyuku P.O. kesto 233, 163-91 JAPANIO,(NIPPON).

Dankon al kolego Fabris. Sed se li havas informojn pri tiuj novaliĝintoj - kiuj estas por A-membroj de TEĴA, kiuj estas por B-membroj - bonvolu skribi tion al la ĉefredaktoro. Krome ni petas ankaŭ la novaliĝintojn sendi al la redakcio de "Internacia Ĵurnalisto" koncize notojn pri sia ĵurnalisma agado. "IĴ" atendas ankaŭ kunlaboraĵojn de ili.

La redakcio bondeziras kore al nia sekretario-kasisto ankaŭ sukcesan laboron kiel Direktoro de Itala E-Instrua instituto, al lia kara edzino Franciskio, jam san agrablan bonfarton kaj al ilia filo-feliĉan geedzan vivon.

---